# KATOLIKA MONDO

**Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj**

Oficiala internacia organo de „Internacio katolika" (Ika), de „Internacia katolika Esperanto Oficejo" (IKEO) de „Mondjunularo Katolika" (Moka), kaj de „Blanka kruco" (Internacia misio katolika)



Numero 9. 1922 — I. Jarkolekto 1921/22


# Ĝenovo kaj la kristanismo.

Diplomatoj estas konstruestroj de Dio! Ĉu vole, ĉu malvole, ili devas plenumi la sanktajn planojn de l' eterna Dio, kiu forte reĝas super la popoloj, kiu vokas naciojn, por ke ili preparu vojon al Lia sankta Regno surtera — aŭ ilin forĵetas, se ili ekstaras kontraŭ Li kaj Lia eterna leĝo. Diplomatoj devas esti sanktaj konstruestroj de Dio, liberaj de ĉia egoismo, aŭ gloremeco, de perforto kaj ĉia malbona pasio. Ĉar ilia tasko estas sankta laboro. Ili devas krei la naturan fundamenton por la regno de la malmorteblaj animoj, por la Dia regno en justeco kaj veremo. En la konscio, ke Dio kaj la nemortebla animo estas la plej alta celo de la tutmonda politiko, ili devas akordigi la naturajn diferencojn de la nacioj en la pli alta harmio unueca de la tutmonda popolfamilio, kiu enŝlosas ĉiujn homojn sen diferenco de raco kaj lingvo. Humile ili devas subordigi la homajn interesojn al la grandioza reĝo-plano de la Dia-Providenco eterna . . .

La multnoda komplekso da la tutmonda politiko nuntempa fakte nur estas senfine pligrandigita pendado por solvi la socian problemon de la tuthomaro: la ĉiaman bataladon de l' homo kontraŭ la famo, la malriĉeco. Certe neniam dum la longa historio de l' homaro tiel klare sin montris ĉi tiu origina kaj profunda senco de la mondpolitiko kiel hodiaŭ, kiam senborda mizero turmentas ĉiujn popolojn kaj milionoj formortas pro terura malsato. Tutklare ni vidas: la naciaro havas nur unu al ĉiuj komunan malamikon, la tero, kiu donas la necesajn vivbezonaĵojn en nesufiĉa kvanto kaj nur post senlaca laboro. Kontraŭ ĉi tiu komuna malamiko batali en frata konkordo kaj konfida helpemo: jen tio estas la natura solvo de la socia problemo tuthomara.

Sed la malbono reĝanta en homaj koroj, la nesatigebla avido je la riĉaĵoj de l' mondo, la sensenca fiero de la nacioj, la ambicio de la regantoj kaŭzis plej danĝeran konfuzon. Forgesinte la komunan malamikon, la nacioj, kiel fratoj disigaj, sin regardas reciproke kiel la malamikoj. Kaj se iu kuraĝus diri al ili: Ho, vi sensenculoj! Ne la najbara nacio estas via malamiko! Ni ĉiuj ja estas fratoj! Unu estas la komuna malamiko, la tero — ili mokante ridus pri tiu homo kaj forigus lin en malsaĝulejon . . .

La malbono, la pasioj de l' koro blindigis la naciojn. Do la mondpolitika problemo estas nur parto de la universala renoviga tasko de nia jarcento: Omnia restaurare in Christo. Ĉar nur en sama mezuro, kiel oni sukcesas subigi la malbonon en la animoj, solviĝas la socia problemo de la homaro. Unu venis en la mondon por venki la malbonon en la mondo per elĉiela forto: Jesuo Kristo, la unuinaskita filo de Dio. Li instruis la grandan liberigan ordonon: amu la proksimulon kiel vin mem . . . amu la malamikojn! . . . Jesuo Kristo do estas la solvo de la grandioza socia problemo tuthomara.

Sed kia estas la nuna situacio? Ĉu oni realigas la sanktajn principojn de la Savinto en la internacia kunvivado de la popoloj? — Pli bone estas silenti! Kiu havas okulojn, vidu! La anima kaj korpa mizero de la popoloj krias ĝis la ĉielo. La mano de l' Sinjoro nin batis terure . . .

Sed ni ne kulpigu, ne kondamnu! Ĉar al ni ĉiuj estas komuna la granda kulpo de la kristanaj nacioj. Ili forlasis la sanktan leĝon de Dio kaj migris la erarigajn vojojn de l' malbono. Kriston ili faligis de l' trono kaj Macchiavelli, la profeton de la perforto, ili elektis kiel gvidanton. La glavon ili eklevis kontraŭ la fratoj kaj ĉia besta pasio ekvigliĝis en la koroj. La fortaj riĉuloj forravis la riĉaĵojn de l' mondo kaj servigis la malriĉulojn kaj senpotencojn . . . Ho, granda, grandega estas la kulpo de la nacioj! Nenio povas savi ilin se ne, ke ili eklevu la okulojn al Dio ĉiopotenca, kiu ilin batas en sia kolero, kaj ekkriu kun pentofrakasita koro unuhore fortegan „mea culpa" . . .

Genovo kaj la Kristanismo! Macchiavelli aŭ Kristo! Perforto aŭ justeco. Tio estas la decida demando . . . Granda estas la mizero de la popoloj. En la koro de Eŭropo mordas danĝera ulcero: la provincoj ruinigitaj, la nacioj disŝiritaj . . . „Reparacioj" estu necesaj. Unu reparacio estas absolute necesa: la reparacio, kiun la kristanaj nacioj ŝuldas al la ofendita majesto de Dio, la granda tutmonda Confiteor, la ĉielenkrianta mea culpa, la liberiga, repaciga agado!

La tagoj de Ĝenovo pasos. La potenculoj de l' mondo, kiuj tie estas kunvenintaj, baldaŭ estos putritaj kaj forgesitaj. Unu tamen restos, la eterna Dio, kiu diriktas la sortojn de la homaro laŭ sia sankta plano. Se la popoloj ne trovas la vojon al Kristo, se ili ne komencas serioze realigi la principojn de l' Evangelio, ankaŭ sur la kampo de la tutmonda politiko, ili estos disrompitaj kaj forĵetitaj. Pro siaj pekoj ili pereos. Kaj aliaj nacioj ekstaros kaj ricevos la heredaĵon de Dio. Kristo aŭ Macchiavelli, tio estas la decida demando por Ĝenovo, ne nur por Ĝenovo, sed por la savo de Eŭropo.

Kasparo Mayr.

## Unueca internacia katolika agado.

Originale verkis Stefano Bryła, tradukis preposto J. Szurek.*)

Hodiaŭ ni vivas en revolucia epoko, kies akra fragmento estas la granda milito tutmonda. Unu el la plej gravaj simptomoj estas la interbatalado — iranta tra la tuta, precipe la hindo-eŭropa mondo — inter du socioj: la kristana kaj la malkristana . . . Ili (la kontraŭekleziuloj) konsciiĝas tute bone, ke katolika eklezio, ne atentante eĉ ĝian supernaturan kaj spiritan forton, estas la unika forto kaj unika organismo, staranta sur la samo bazo, sur kiu ili mem organizis sin t. e. sur bazo internacia — ke ĝuste en tio ankaŭ kuŝas ĝia forto. Sekve de tiuspeca konscio iliaj antaŭmilitaj tendencoj celadis precipe la malfortigon de la aŭtoritato de l' eklezio aŭ en senpera kontraŭbatalo (kio okazis pli malofte) aŭ pere de priridigado aŭ malestimigo de ekleziaj kutimoj aŭ institucioj (kio okazis pli ofte). Ilia internacia organizacio agadis lerte, unuanime kaj la milito alportis al ili rezulte treegan pliiĝon de riĉaĵoj kaj influoj, ĉefe dank' al tio, ke ĝi estis direktata lerte kaj sen respekto je militfrontoj unuece.

Dum longa tempo la kristanaj popoloj ne estis konsciaj, ke la situacio estas danĝerplena. Ili vekiĝis tiam, kiam la malamiko estis jam akirinta la longan vicon de la pozicioj. Kaj same, kiel ili estas komprenintaj, ke batalante kontraŭ katolika eklezio, oni plej facile rompos breĉojn en kristanaj popoloj, same la kuniĝantaj kristanoj komprenis, ke oni devas unuece stari en ĉi tio defendado cirkaŭ la katolikismo. Tio tamen nur estis senvolaj movoj pli el la instinkto elfluantaj ol el la konscio. Do komenciĝis sin formi nacionalistaj organizacioj kaj ankaŭ kristano-socialaj sur bazo profesia, kultura kaj konsekvence — politika . . . La lasta, la kristano-sociala movado kreskis kaj evoluis. Iom post iom provincaj centroj en naciaj kuniĝadis. Karakterizan ekzemplon ni havas en Polujo, kie 1918 ankoraŭ ekzistis kvin organizacioj kristano-

*) Ĝoje ni publikigas mallongigite la artikolon de la konata pola agademulo, kiu aperis en „Głos Narodu". Kvankam ĝi rezultas precipe el la multaj spertoj de la polaj katolikoj, tamen la ĝeneralaj problemoj pritraktitaj estas gravegaj kaj ĉie pripensindaj. Oni vidas, ke ĉiulande maturiĝas la konvinko, ke internacia organizigo de la katolikaj fortoj estas necesa.

## Graco atendanta.

Biblia rakonto de A. v. Krane. 3

Kaj ŝi daŭrigas dirante en respektema tono: „Ĉu vi eble estas pli granda ol nia patro Jakob, kiu donis al ni la puton?" La memoro de l' komuna prapatro donas al ŝi plifortigan esperon kaj klarigante ŝi aldiras: „Li mem trinkis el ĝi kaj liaj filoj kaj liaj brutoj."

Subite ŝi ekmutiĝas, timante pro sia troa kuraĝo. Ĉu la fremdulo koleriĝos, ĉar ŝi respondis tiel senĝene?

Ho ne! Lia okuloj estiĝas pli enpenetremaj, pli mildaj, pli animo-varbantaj. Montrante al la puto li diras, klarigante la antaŭan frazon: „Ĉiu trinkanta el ĉi tiu akvo, soifos denove. Sed kiu trinkos de l' akvo, kiun mi donos, ne plu soifos eterne. Sed la akvo, kiun mi donos al li fariĝos en li fonto de akvo, spruanta supren al vivo eterna."

Nun eklumiĝas io en la kapo de la virino. La nesatigebla soifo de ŝia animo subite ekflamas. La multaj nekomprenitaj sopiroj je refreŝigilo por nova, tute alia vivo ekstaras kun duobligita forto. Kvankam ŝiaj ideoj nun ankoraŭ estas miksitaj kun teraj fantazioj, tamen ŝia spirito supreniĝas pli alten, kiam ŝi nun vokas en petega tono: „Sinjoro, donu al mi ĉi tiun akvon, por ke mi ne plu soifu kaj ne devu veni ĉi tien por ĉerpi."

Sed nun staras, la okulon fikse je lia okulo. Ŝia embaraseco estas for. Plena konfido anstataŭas ĝin. Ŝi atendegas respondon. Sed ĉi tiu estas tute alia ol ŝi atendis: „Foriru, voku vian edzon kaj revenu ĉi tien!"

Ho, per tio la fremdulo tuŝis la doloriĝan korvundon! Ŝi staras sendecide Profunda ruĝo fluetas tra ŝiaj vangoj kion ŝi povas, kion ŝi devas respondi? Nenion malveran! Ĉar liaj okuloj tutklare diras, ke neniu menzogo povas daŭri antaŭ tiu, kiu parolas kun ŝi. Kaj ankaŭ ŝi ne volas! Tute ne! Por nenio en la mondo! Ŝi ne volas diri menzogon. Ŝia animo ja sopiregas je liberigo. Sed tiel klare, tiel senpere diri la veron: tio ŝi tamen ne povas! Tio estas tro malfacila. Pro tio ŝi nur murmuretas kun mallevita kapo: „Mi no havas edzon!"

Jen! Per kelkaj vortoj detruas la mirindulo la araneaĵon de hipokritaj parafrazoj, kiun ŝi tiris kiel vualon antaŭ siaj pekoj. Li diras kviete kaj serioze, sed samtempe bonvole kaj milde: "Prave vi diris: mi ne havas edzon. Kvin edzojn vi jam havis kaj kiun vi nun havas, tiu ne estas via edzo; veron vi diris en ĉi tio."

Nun ŝia malhonoro estas sunklare malkovrita. Senvualite staras antaŭ ŝi la granda kulpo, grimacante kiel minacanta besto. Ho, ŝi volus malaperi en la teron pro honto, sed ŝi devas resti. Suferi ŝi devas la tutan maldolĉecon de la malhonoro. Certe, ŝi vivas inter homoj kie eksedziĝoj estas ĉiutagaj aferoj, kie oni rapide ligiĝas kaj samrapide la ligon dissolvas, kie oni eĉ toleras nerajtan kunuliĝon — sed la interna voĉo, kiu neniam ĉesis admoni, oftege diris al ŝi: tio ne estas bona. Multfoje ĝi avertis ŝin, kiam ŝi laŭkaprice ludis kun la edziĝo, kiun Dio jam en la paradizo fondis kiel sanktaĵo de la familio . . . Tial ŝia turmento, ŝia malpaco, ŝia mistera sopiro je savo.

Kaj nun, ŝia tuta pasinta vivo estas malkaŝita antaŭ la scianta fremdulo, kiel la senfrukta kampo estas malkovrita antaŭ la suno kun ĉiuj undaĵoj kaj makuloj kaj malbelaj dezertaĵoi . . . Ho, tio vere estas glavo, kiu traboras ŝian koron! Ŝi ektremas pro si mem.

Tamen! . . . Iom da konsolo estas en ŝia koro. Milde, milde ĝi enguteti̇gas balzamon en la ardantan vundon. En tiuj solenaj momentoj, kiam ŝi mem staras mute kaj la fremdulo ne diras vorton sed zorgeme ŝin rigardas kiel kuracisto, provanta l' efikon de akra rimedo — tiam ŝi ekkonvinkiĝas, ke li ĉi tion ne estas dirinta por detrui ŝin, sed por helpi. Pli kaj pli ŝi komprenas, ke ŝi troviĝas antaŭ iu senfina grandeco mistera . . . Ankoraŭ ŝi palpante eraras en mallumo, sed ŝi jam alproksimiĝas la lumon, kiam ŝi post longa paŭzo diras humile: „Sinjoro, mi vidas, ke vi estas profeto!" Kaj nun demando altrudiĝas al ŝi, kiu okupas ĉiujn Samarianojn, demando kiu havas eĉ specialan signifon por ŝi, sopireganta je savo kaj pekpardono. Ne pro scivolemo ŝi demandas. La demando venas el la profundo de l' koro, kiam ŝi diras montrante al Garicimo: „Niaj patroj adoris sur ĉi-monto; sed vi Judoj diras, ke Jerusalemo estas la loko de l' adoro?"

Ree ŝi ekkuraĝas levi la okulojn al li. Ŝi scias, ke li respondos, kaj ŝi ne iluziiĝis.

(Daŭrigota.)

demokrataj aŭ similaj al ili. Hodiaŭ ili jam parte kuniĝis, parte jam alproksimiĝas al ĉi tiu kuniĝo.

Nun altrudas sin la demando: Kien kondukos ĉi tiu fenomeno de la kuniĝado? Ni konsideru ĉi tie, kien iras la evoluo de la sociaj organizacioj?

Estis iam le tempo, kiam la homoj ekonomie kaj politike vivis en apartaj, izolaj komunumoj, kiuj iom post iom kuniĝis al grupoj, formante pli grandajn organismojn. Tio fariĝis ekonomie per la komerco, politike per kontraktoj aŭ almilitadoj. Dum la mezepoko graflandoj, duklandoj ktp. transformiĝis en organizaciojn nacie-ŝtatajn ... kiuj politike kaj ekonomie estis individuoj enŝlositaj en siaj limoj.

Hodiaŭ tio sanĝiĝas. La ekonomia evoluo kondukis al internaciaj rilatoj. La ŝtatoj trapaŝis siajn limojn kaj la terglobo komencis en sia tuto fariĝi la ekonomia individuo. La milito haltigis momente ĉi tiu evoluon de la „tutigado", sed ne ĉesigis ĝin. Ĉi tiu evoluo nepre daŭros estonte kaj ĉiuj naciaj ŝtatoj devas serioze pripensi tion, se ili ne volas resti malantaŭe de aliaj. La unuaj komprenintaj la neprecon de ĉi tiu evoluo estis framasonoj kaj socialistoj. Ni scias bone, ke la socialismo posedas sian „internacion". Ĝuste ĉi tiu internacieco estas unu el ĉefaj fundamentoj de ĝia potenco. Do ne mirinde, ke la rezisto kontraŭ ĉi tiuj atakoj faritaj sur apartŝtataj teritorioj ne povis doni efikajn rezultojn ... Multe pli ĝustan vojon elektis la organizacioj kristano-socialaj, kiuj starante senkondiĉe sub standardo de katolika eklezio gajnis per tio sian moralan apogon kaj supernacian ideon, akirante tiel fortan kaj larĝan bazon. Sed ankaŭ ili ne faris ĝis nun ĉion. Ili starante sub unu sama standardo ne vivas en interkonsento kaj konkordo. Ili maksimume rigardas sin reciproke, sed ne donas al si la manon reciproke. Do devas esti farota la dua duono de la laboro, la duono pli facila ol la unua. Ne plu sufiĉas hodiaŭ la idea komuneco: estas necesega la organizita kuniĝo. La internacia interkonsento de ĉiuj partioj kristano-socialaj prezentas sin hodiaŭ kiel condicio sine qua non (nepre necesa kondiĉo), same el idea vidpunkto kiel el organizo-praktikaj kialoj.

Ridinda estus la aserto, ke la internacieco mortigas la naciajn individualismojn. Kontraŭe, sur komuna fundamento povas pli forte evoluiĝi la individueco. Mi diras pli: eĉ estas utile tia internacia interkompreniĝo por niaj interesoj naciaj. Ni ja bone spertis tion, kiam antaŭ du jaroj devis esti farota rapidege la informado de l' mondo pri ni Poloj. Dume en 1918 kaj 1919 la situacio estis pli malbona, kiam la kontraŭeklezia gazetaro ekkomencis akran batalon kontraŭ Polujo, kiel kontraŭ nova katolika ŝtato: tiam neniu nin defendis kaj ne povis defendi. Ĉar ne ekzistis ĉi tiu kontakto kaj interkomunikiĝo de la kristanaj organizacioj. Tion ni Poloj devas akcepti kiel averton. Estonte do en nia intereso kaj intereso de ĉiuj nacioj kristanaj la reciproka internacia interkonsento estas necesa: la internacio katolika, kaj sur bazo politika la internacio kristano-sociala.

Tiam ni povos en parton de batalfronto speciale atakitan turni specialan atenton. Tiam la internacia batalado povas esti ankaŭ internacie efektivigata.

Sed kiu eĉ ĉi tiujn argumentojn ne komprenas li sciu, ke tio estas, kiel mi pruvis pli supre, neceseco; ke tio estas historia nepraĵo, nepraĵo evolua de la socioj; ke kontraŭ tio ni homoj estas senpovaj; ke tio ĉu pli frue ĉu pli malfrue alvenos. Ĉar tio okazas en ĉiuj sferoj de la vivo. Kaj ju pli frue tio alvenos, des pli bone estos por ni kaj por tuta kristano-katolika mondo.

## La arbitracia tribunalo tutmonda en Hago.

La 30an de januaro 1922 en Hago estas malfermita en Hago la „tutmonda tribunalo arbitracia". Sendube okazintaĵo de plej grava signifo, eĉ se la ĉiutagaj ĵurnaloj kaj la grandaj revuoj preskaŭ tute silentas pri tio. Certe la institucio, kvankam malperfekta hodiaŭ, estas granda antaŭenpaŝo por realigi la porpacan programon de Benedikto XVa, „la forto de l' armiloj estu anstataŭigota per la potenco de l' juro".

Mallonge ni ĉi tie memoru la evoluon de la „arbitracia tribunalo".

Dum la 1a Haga konferenco 1899 la ĉeestantaj reprezentantoj de pli ol 30 ŝtatoj klopodis krei devigan internacian tribunalon. Malfeliĉe tio malsukcesis kaj oni nur fondis provizoran internacian tribunalon kun 4 juĝistoj elektotaj por 6 jaroj.

Dum la 2a Haga konferenco 1899 oni intencio per ĉiuj iloj realigi vere tutmondan tribunalon arbitracian devigan, t. e. ĉiuj ŝtatoj subskribintaj estus devigataj, siajn konfliktojn submeti al la juĝo de la internacia tribunalo. La grandega utilo de tiuspeca institucio estas sufiĉe klara. Sed oni ne trovis vojon, ke la deviga karaktero estis rekonita de ĉiuj ŝtatoj.

La pripaca kontrakto de Versailles nun denove destinis, ke estu starigata tutmonda tribunalo internacia (cour permanente de justice internationale). Jam la 11an de februaro 1920 per la provizora konsilantaro de la ligo de la nacioj internacia jurista komisio estas nomita por ellabori provizoran projekton kaj en decembro 1920 la devinitiva statuto estas akceptiti.

Do ni nun havas tutmondan tribunalon arbitracian, al kiu ĉiuj konfliktoj povas esti submetotaj. Vi pensas eble, ke estonte militoj estos neeblaj aŭ almenaŭ tre maloftaj.

Bedaŭrinde ankaŭ ĉi tiu tribunalo arbitracia estas tre malperfekta. Du ĉefajn mankojn mi nur volas montri.

Unue la tribunalo nur estas kompetenta por la membroj de la Ligo de la nacioj. Ĉar hodiaŭ ne ĉiuj ŝtatoj, eĉ ne ĉiuj eŭropaj ŝtatoj, apartenas al ĉi tiu ligo, la kompetenteco ne estas universala por ĉiuj venontaj konfliktoj.

Due — kaj tio estas la ĉefa manko — la tribunalo ne estas deviga, eĉ ne por la membroj de la Ligo de la nacioj.

Do ni salutas kore la novan institucion internacian, kiu certe povas multege utili la pacon en la mondo. Sed same ni deziras, ke ĝi estu kiel eble plej baldaŭ plibonigota. Alcelinda estas per ĉiuj fortoj universala tribunalo tutmonda, al kies decido devas esti submetotaj ĉiuj konfliktoj pli gravaj inter ĉiuj kulturaj ŝtatoj. Pacemulo.

## Katolika armeo de l' savo.

Dro M. J. Metzger.

Revenu al apostola kristaneco! Revenu al la spirito de la unuaj kristanoj! Realigu nepre kaj sen kompromiso tiun ĉi spiriton en ĉiuj branĉoj kaj je ĉiuj postuloj de la vivo!

Tio estas la interna ideo de la forta katolika movado, kiu ligiĝas al la nomo de „Blanka Kruco" (Internacia centrejo Graz, Aŭstrio, Karmeliterplatz 5). Jen la spirito de la movado de „Blanka Kruco": Prakristana spirito de kredo al la eterna celo de l' vivo; kiu vidas la pezocentron de la agada vivo en la regno de Dio, atendante ĉion alian de la patre zorgema providenco! Prakristana spirito de komuneco, kiu ekvidas en la proksimulo, ankaŭ en la fremdlanda kaj fremdlingva, unuavice la fraton, malfermante al li tutĝoje koron kaj pordon; kuraĝege konfesante la fratecon de ĉiuj homoj ankaŭ koncerne la solvon de la ekonomiaj kaj sociaj problemoj, en la subigo de la hodiaŭa kapitalismo same kiel en la solvo de la internacia problemo sociala, la problemoj de la ligo de la popoloj kaj de la tutmonda paco. Prakristana spirito de oferemeco, kiu ĝoje dividas la havaĵon kun la frato; spirito, al kiu la regno de Dio estas regno de reciproka amo servema; spirito kunsuferanta, se la proksimulo suferas, klopodanta laŭforte plibonigi la sorton de la opaj homoj same kiel de la tuta homaro. Prakristana spirito de ŝparema modesteco, kiu maldeziras lukson kaj bonfarton elkreskantajn el idolana ĝuamo, kiu fordonas la ĝuaĵojn de nia rafinita kulturo favore de la saniga laŭnatura modesteco de niaj antaŭuloj. Prakristana spirito de misio, kiu sentas iom de la fajraj vortoj de l' granda apostolo „Caritas Christi urget nos" (La amo de Kristo puŝas nin). „Ve, se mi ne estus misiisto de la evangelio!" Spirito, kiu sentas kunrespondecon kun la sankta katolika kaj apostola eklezio por realigi la ĉiutagan preĝon de „Patro nia": „Adveniat regnum Tuum" (Alvenu regno via!). Prakristana spirito de religia imperialismo, kiu serĉas almiliti ĉiujn cirkonstancojn kaj interrilatojn al Kristo kaj al Lia regno de l' amo en la mondo, ĝojege oferante kiel forton kaj sanecon, tempon kaj monon, tiel eĉ korpon kaj vivon.


**Ĉu vi tradukis**
jam artikolojn kaj sciigojn de K. M. por la tiea nacia gazetaro? Tio estas la plej efika propagando kiel por Ika tiel por Esperanto. Komencu tuj! Skribu: „En K. M., la bonkonata internacia organo de la katolikaro (Graz, Karmeliterplatz 5), ni legas: . . ."

Ĉu vi povas interne kunsenti kun ĉi tiu movado? Aliĝu do ankaŭ ekstere! La tempo alvenis, kiam la armeo de la kristanoj plenumitaj en koro kaj animo de krista spirito, organizita kiel vere „militanta eklezio", devas esti disigata de la „eklezio dormanta", la amaso neordigita de la „laŭbaptatestaj" katolikoj. La katolika armeo de l' savo devas esti kolektata por la paca almilito de la mondo: Cor Jesu Eucharisticum, oportet Te regnare! (Ho koro de Jesuo Eŭharistia, vi devas reĝi en la mondo!)

La „Blanka Kruco" estas kiel viviga movado. „Por alporti fajron mi venis en la mondon. Kion alian mi volas ol ke ĝi bruladu!" Movado bone organizita ĝi estas, ordigante ĉiujn personojn, ĉiujn rimedojn je la servo de ĉi tiu renoviga movado mondampleksanta. Ĝi volas gajni kunlaborantojn, entuziasmigi, instrui kaj eduki ilin, doni al ili ĉiujn konvenajn rimedojn de la enlanda misio. Ĝi volas vivigi kaj fruktodonigi la kristanecon de la amo pere de religia kaj sociala helpo kaj servo ĉiuspeca, kreante instituciojn, hejmojn organizaĵojn ktp., kiuj kunlaboras je la alta celo de la movado sur ia aparta branĉo de l' agado. Ĉiujn opajn katolikojn ĝi alvokas al la „diakonato", helpservo, almenaŭ en unu tasko, ĉe unu institucio aŭ organizo de la katolika misio enlanda. „Diakonatoj" estas nomitaj la diversaj specoj de helpservoj en la misio enlanda kaj ties organizo, egale, ĉu la lastenomataj laboras interne aŭ ekstere de la organizo de „Blanka Kruco". Laŭ ties opinio ĉiuj diakonatoj lastcele estas nur helpaj institucioj de la granda diakonato de la animoj, de lumantigita celkonscia anima prizorgado, kies fina celo estas ĝuste la celo de la misio enlanda: „Cor Jesu Eucharisticum, oportet Te regnare!"

La organizacio de „Blanka Kruco" estas kvazaŭ simbola kopio de la movado profundiĝanta de ekstere internen, aganta de interne eksteren: koncentraj cirkloj de personoj finance apogantaj la movadon (misiaj „partoprenantoj"), de personoj interne varmigitaj kaj fervorigitaj por la celoj de la misia laboro (misiaj „amikoj"), de personoj praktike kunlaborantaj, ĉu en ia misia diakonato, ĉu per kolekto de malgranda cirklo de amikoj (misiaj „akcelantoj"), de personoj fine, kiuj alkreskas kiel direktantoj de la movado kaj de la agado, kiuj gvidante kunlaboras ĉe pli ol malpli granda organizaĵo aŭ institucio (misiaj „gvidantoj"). Krom tio ekzistas pli firma societo de tiaj, kiuj radikale serĉas vive realigi laŭ siaj personaj rilatoj kaj eblecoj la idealon ŝvebantan antaŭ la okuloj de ĉiuj kiel plej alta celo de la movado: „societo de sanktuloj" laŭ la senco de sankta Paŭlo; misia societo de tiuj, kiuj kiel ordena familio en moderna formo, ĉu libere en la mondo, ĉu en komuneco vivantaj alcelas personan perfektiĝon kaj ofereme dediĉas la tutan forton laborante por la regno de Dio („misia gefrataro" de la Blanka Kruco).

„La sociala ordeno atendita jam de longtempe", tiel nomis la „Blankan Krucon" altranga ekleziulo, post kiam li detale estis pristudinta ĝin. „La katolikan armeon de l' savo", nomis ĝin aliaj, rigardante la universalan religie-socialan misian agadon, koncerne kion sendube ekzistas kompareblecoj inter „Blanka Kruco" kaj la protestanta armeo de l' savo, se ankaŭ „Blanka Kruco" memkompreneble evitas la metodon iel strangan kaj fanfaronantan de la „armeo de l' savo". Eble ŝajnas esti dirita tro-multo per la citita vortoj, eble ankaŭ ne ĉio en alia direkto. Tamen eble vi sentas en via koro ĝojan deziran, kunbataladi en ĉi tiu ordeno kiel kavaliro de la Sankta Spirito, preparante novan pentekoston al la eklezio de Dio sur la tero. Se jes, sekvu la alvokon: „Dio ĝin volas".

## Pensetoj de pensemulo.

Hodiaŭ li havas kapdoloron, nia malsaĝa pensemulo pro troa pensado. Dum tiaj epokoj li ĉiam babiladas sensencaĵojn, kiuj kompreneble estas malveraj kaj malindaj, esti publikigita en K. M. I. a. li rakontis jenan fablon el la jam longe pasinta jaro 1922:

En tiama tempo estis du fratoj, kiuj havis similan celon kaj idealon. Kaj ili decidis, kune agadi kaj konstrui belan domon, kie loĝu homoj el ĉiuj nacioj. Ili estis bonaj fratoj; ĉar ili estis katolikoj.

Sed unutage venis Sro Diabolo kun sia bonkonata unupeda edzino kaj ekvidinte la laboron de la du fratoj, li ekridis elkriante: Aŭdu, karulino! Mi vetas je 1000 h. fl. (en tiama malluma epokeko de la 20a jarcento oni posedis ankoraŭ monon, eltrovaĵo de l' diablo, kaj oni kutimis de tempo al tempo mortigi multajn homojn, por ke la „valuto" pligrandiĝu) — ke post du semajnoj la fratoj disunuiĝos. Ĉar ili estas katolikoj . . .

Du semajnoj pasis kaj Sro Diabolo ridis kaj ĉiuj gekunuloj kun li . . .

Alia fablo ankoraŭ turmentas la kapon de nia pensemulo:

Estis iam tre zorgema dompatro, kiu per svitoriĉa penado klopodis, havi grandan kaj belan domon kaj li penis sin bone defendi kontraŭ ĉiuj ŝtelistoj kaj malamikoj. Kaj li havis multajn kunulojn en sia domo. Sed mirinde. Nia dompatro havis strangegajn okulojn. Ĉar li ĉie vidis malamikojn, precipe tamen inter siaj propraj kunuloj samvolaj kaj ĉiutage li faris longajn batalantajn paroladojn kontraŭ ili.

Unutage nun, dume nia dompatro denove plej energie agadis kontraŭ siaj propraj samdomanoj, venis ŝtelistoj kaj eksteraj kontraŭuloj atakis la domon kaj detruis ĝin. Ĉi tiu fablo diras: Ne serĉu viajn kontraŭulojn interne de la propraj muroj. Ili staras ekstere . . .

Hodiaŭ mi vizitis tre karan amikon, kiu studis la kutimojn de ĉiuj nacioj de l' mondo. Longe ni diskutis pri strangaj kutimoj de la diversaj nacioj. Sed unuanime ni konstatis: plej stranga kutimo sendube estas tiu, ke la homoj kutimas opinii, nur la kutimoj de la propra lando estas la sole ĝustaj kaj imitindaj. Ekz. mia amiko rakontis, ke ekzistas gento en Afriko, kie la homoj sin salutas alspuante unu la vizaĝon de l' alia — kaj ili miregas, ke alilanduloj ne faras same. Mia saĝa amiko finis dirante: Ĉiujn eĉ la plej malsaĝajn kutimojn toleras la homoj. Nur unu kutimon ili toleras nenie: ke oni diru la veron . . .

Irante hejmen mi pripensis tion kaj mi denove devis konstati — kion cetere jam publike diris miaj amikoj — ke mi fakte estas la plej malsaĝa homo de l' mondo, nesciante ĉi tiun plej simplan verecon . . . Kaj mi decidis pro tio silenti dum kvar semajnoj

Pensemulo.

# 2a Internacia Laborkongreso Katolika en Luxembourg.

### 31a julio ĝis 3a aŭgusto 1922.

5a komuniko.

**Venu kaj vidu!** Tio estas la devizo de la nunjara kongreso. Multon vi aŭdas pri Ika kaj ties ĉefaj kunhelpantoj. Do venu kaj vidu mem kaj tiam juĝu! Tion postulas la justeco!

**Speciala konferenco** por l' elmigrado katolika laŭeble estos aranĝata. Ni petas sendi al ni adresojn de naciaj organizoj, aŭ helpinstitucioj por katolikaj elmigrantoj, aŭ de personoj, kiuj interesiĝas pri tiu grava problemo.

**Kotizo.** La kotizo estas fiksita jene: por Svisujo, Hispanujo, Anglujo, Francujo, Italujo kaj similvalutaj ŝtatoj 10 Fr., P., S., L. ktp. Por Germanujo, Baltikaj ŝtatoj, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Jugoslavio kaj similvalutaj ŝtatoj 30 M., ĉ. K., L., D. ktp.; por Hungarujo 100 h. K., por Polujo, Aŭstrujo 300 p. M., 300 a. K. — Por gejunuloj, studantoj ktp. oni povas doni rabaton ĝis 50% laŭ interkonsento.

**Kongrespartoprenanto** estas ĉiu katoliko, kiu pagis la kongreskotizon. Se li persone ne povas ĉeesti, li ricevos kongresraporton laŭeble presigotan.

**Invitoj** estas presitaj en angla, franca, germana, itala lingvoj. Mendu kaj disdonu ilin al interesemuloj!

**Financa subteno.** La elspezoj por la preparo kaj aranĝo estas grandaj. Financa subteno estas plej urĝa devo.

**2a listo de la partoprenontoj:** A. Oberstatter, Bitche; W. Eichler, Frankfurt a. M.; H. Kolvenbach, Düsseldorf kaj du amikoj; Prelato Haller, Brixen; Dro Stricker, Münster; J. Desmet, Wavre, Belgujo; F. Drewniak, Groß-Strelitz; Pierre J. A. Muffang, Bourg-la-Reine; Stud. Ferber, Mannheim; Pastro Timpe, Hamburg.

---

# La politika agado de la katolikoj en Rumanujo.

(Originala letero el Transilvanio.)

La politika agado de la katolikoj nun estas ekkomencanta. La antaŭmilita Rumanujo, nomita „malnova regno“ estis kaj estas misia teritorio de la propaganda kongregacio en Romo. La proporcia parto de la katolikoj tie estas apenaŭ 5%; do tie ne povis ekiĝi politika agado katolika. El la landoj per la packontrakto aligitaj al la plifrua ŝtato, Besarbio preskaŭ tute apartenas al la „skisma“ eklezio. Alia tamen estas la situacio en la teritorioj apartenintaj pli frue al la aŭstro-hungara monarhio: Transilvanio, Bukovino kaj Banato. Ĉi tie ekzistas multnombraj malnovaj kaj bone ordigitaj komunumoj katolikaj. Rimarkinde estas tamen, ke la katolikoj apartenas plejgrandparte al la naciaj malplimultoj: Hungaroj kaj Germanoj. Kiuj el la Rumanoj mem estas katolikoj, aniĝas al la „reunuigita orienta eklezio“. Ilia nombro estas eble duonmiliono. Kiam kreiĝis, dum la jaroj 1918/19, la nova tutrumana regno, oni aŭdis voĉojn, kiuj propagandis la reunuigon de la rumana ŝtata eklezio kun Romo. Sed tio nur estis bela sonĝo de kelkaj idealistoj: ŝtata religio fakte estas kaj restos la greko-orienta eklezio. Nur silentemaj, sennomaj misiistoj laboras, kun la Dia graco, por la granda tasko de la reunuiĝo...

La unua politika agado de la katolikoj estis la „pasifa rezistado“. Antaŭ la fino de la pripacaj intertraktadoj la katolikoj nenie partoprenis la politikajn aferojn. Ili ankaŭ ne havis tempon. Ĉar sekve de la revolucio multaj religiaj institutoj, instruistoj, lernejoj ktp. estis sen iu ŝtata subteno. Ĉion devis prizorgi la kreduloj mem. Kun grandegaj oferoj ili plenumis ĉi tiun taskon. Kaj eĉ hodiaŭ ili daŭrigas admirinde ĉi tiun devon. Ĉar la nova ŝtato ĝis nun pagas salajrojn nur por pastroj laborantaj en la prizorganima servo; por lernejoj kaj aliaj institucioj ĝi pagas nenion. Kontraŭe per la nova fundoreforma leĝo la enspezoj de l' eklezio estis multe malpligrandigitaj.

Estonte tamen la katolikoj agade kunlaboros en la politikaj taskoj. La unuan fojon ili partoprenos la parlamentelektojn okozontajn dum la marto. Por defendi la komunajn interesojn la katolika kaj protestanta parto de la hungarlingva loĝantaro kune formis la „hungaran ligon“, kies programo koncerne la religiajn problemojn enhavas jenajn postulojn: libereco absoluta por la religiaj malplimultoj, ŝtata rekono kaj subteno de la konfesiaj lernejoj.

La sanĝoj tamen ne estas bonaj por la hungara ligo. Ĉar ĝis nun la hungaroj ne partoprenis je la politika movado, ili ne estas enskribitaj en la listoj. La registaro nun ne permesas la kompletigon de la listoj. Oni taksas, ke la hungara ligo akiros 8 ĝis 12 deputatojn, inter ili 4 ĝis 6 katolikojn.

Manke de sufiĉe influhava politika partio, la episkopoj defendas la interesojn de l' eklezio. Kiel plej superaj direktoroj de la katolikaj lernejoj, ili ofte efektivigis plej akran batalan kun la registaro.

Rimarkinde estas precipe la „romkatolika“ stato (status) de Transilvanio. Ĉi tiu jam dum multaj centjaroj funkcianta institucio, konsistanta el pastroj kaj laikoj, estas vere „katolika parlamento“, kiu administradas la tutan posedaĵon (budĝeton) de l' Eparkio. La profesiaj oficistoj elektitaj per la ĝenerala kunveno ĉiujara, ricevas siajn ordonojn per ĉi tiu kunveno...

Ĉar la libereco de l' eklezio estas nun garantiita, la katolikoj precipe nun klopodas plifortigi la katolikajn lernejojn. Oni esperas bonegan sukceson...

Pro A. Vorbuchner, Brássow.

# Ika-IKUE.

EK 127 en oficiala parto komunikas publikajn pacproponojn de Sro Schendeler prez. de „IKUE de R.“. Ni publike respondas jenon: Unue ni salutas ĉe Sro Schendeler la novan metodon forlasi ĉiujn personajn aferojn kaj serĉi interkonsenton sur pure objektiva bazo. Bedaŭrinde neoficiala parto de EK 127, kiel la antaŭaj numeroj, estas plena de malkorektaĵoj kaj de personaj atakoj aŭ insultoj kontraŭ la ĉefgvidantoj de nia agado. Ni estonte kiel estinte ne respondos publike je tiuspecaj artikoloj, konvinkitaj, ke nur la reciproka toleremeco kaj konfido je reciproka sincera veremeco estos taŭga fundamento de daŭra paco.

Pri la pacproponoj mem ni diras jenon:

1. Ika ne plu bezonas fari pacon. Ĝi ĉiam en sincera intenco nur defendis laŭdeve siajn rajtojn kaj fakte jam praktikas la pacon depost multaj semajnoj evitante ĉian publikan diskutadon. Ika siaflanke — hodiaŭ kiel komence — havas la sinceran konvinkon, ke la decidoj de Hago kaj Graz, akceptitaj ĉiam per la granda plimulto, estas laŭrajtaj kaj valoras. Tamen por havi pacon, Ika ĉesas ĉian propagandon por IKUE de Graz, realigante por siaj propraj celoj internacian katolikan Esperanto-oficejon.

2. IKUE de Graz sen rekoni per tio, ke individuaj Esperantistoj povas anstataŭi aŭ ŝanĝi la oficialajn decidojn de la internacia kongreso de la katolika Esperantistaro, tamen por ebligi la pacon inter la katolikaj Esperantistoj, ĉesas provizore ĉian propagandon kaj agadon, proponas sendependan kongreson internacian de la tutmonda katolika Esperantistaro kaj senreserve sin submetas al la decido de tiuspeca kongreso pri IKUE.

3. MOKA estas memstara kaj sendependa organizo kun tute memstara estraro. Ĝi nur aliĝis al Ika, kiel ĉiu alia nacia aŭ internacia katolika organizo povas aliĝi al Ika. Do pri Moka nur decidu la memstara estraro mem.

4. Paco ne estas ĉifono de papero, sed interna sincera spirito de reciproka rekono kaj konfido. Ĉiuj packontraktoj estas senvaloraj tiel longe kiam EK daŭrigas la metodon de malkonfidema kaj kontraŭpersona agado. Ni tamen esperas, ke nun finos ĉia publika diskuto kaj paco estos ambaŭflanke daŭra. Ni tute konsentas, ke ĉiuj eble restontaj malkomprenoj kaj venontaj intertraktadoj en amika konfido estos solvataj.

Dr. M. J. Metzger
Direktoro de la Internacia Katolika Agada Centrejo

Kaspar Mayr
ĉefsekretario de Ika

Hanns Sappl
ĉefsekretario de IKUE de Graz.

---

## Mondjunularo Katolika (Moka).

### Komunikoj de la Centra Oficejo.

La Moka-centrejo bone evoluiĝas. Krom la ĉefsekretario laboras nun por Moka sinj. Müller el Zug, pli frue delegito, okupante sin ĉefe per la propagando de Moka en Svisujo. Ankaŭ sinj. Barta el Ĉeĥoslovakujo nun estas en la centrejo kaj gvidas de tie-ĉi la Moka-laboron. Plue ni havas en nia centrejo francan kunlaborantinon, kiu parte laboras por Moka propagante niajn ideojn en Francujo kaj Italujo. La broŝuro „Ni katolikaj kaj la internacia junula movado,“ kiu aperis en eldono de 3000 ekzempleroj ne plu estas havebla Nova-eldono ankaŭ en lingvoj franca, angla kaj itala, estas preparata. — Kiu sin interesas pri nia ĝisnuna laboro mendu la plej novan broŝuron „18 monatoj internacia katolika junula laboro“. Ĝi estos sendata al ĉiuj katolikaj junulaj societoj de Germanujo, Aŭstrujo, Svisujo, Hollando, Polujo ktp. La delegitaro kreskas! Propra junula organo kiel aldono al la jam ekzistantaj katolikaj junulaj gazetoj baldaŭ aperos. Propagandaj vojaĝoi en la plej diversaj landoj estas planataj. La unua al Svisujo jam estas efektivigata kaj en kelkaj tagoj jam forveturos la ĉefsekretario kaj sekretario. Okaze de la sudgermana kongreso de Esperantistoj en Salzburg la ĉefsekretario Sro Sappl estis en aŭdienco ĉe la ĉefepiskopo Dr. Rieder kaj donis al li raporton pri la tuta Moka-laboro. — Lia ĉefepiskopa moŝto interesiĝis kaj benis nian laboron.

Peter Müller, sekretario de MOKA
pli frue del. en Zug (Svisujo), studenta grupo St. Michael.

---

# El Romo kaj l' Eklezio.

Post la gloroplena pontifikato de Benedikto XVa, kiu per la rapidege sin sekvintaj publikaj agadoj ŝajnis precipe konformiĝi al la karakteriza vigleco de la naturo de Giacomo Della Chiesa, post la suprize subita finiĝo de l' vivo de la granda Papo, kiu la aŭtoritatan influon de la Apostola Seĝo mirinde pligrandigis sur la terglobo, post konklavo, kiu ne nur la katolikojn, sed la tutan homaron tenis en longdaŭra atendo, Achille Rati estas elektita, kiu sin donis la nomon de Pio XIa. Kiam li, tiuj post elekto finita al la mil kaj mil da ĉeestantoj kunvenintaj sur la Petro-placo, donis unuafoje la apostolan benon, li tiuj sciigis — forlasante per tio la kvindekjaran tradicion — ke la beno estas donita al ĉiuj nacioj, al la tuta terrondo — tiam ŝajnis, ke la vigla agado de l' antaŭulo estus daŭrigata. Tio ŝajnis. Intertempe pasis du monotoj kaj streĉiga silentado regas. Kaj oni sentas la impreson, ke la naturo de la nova Papo karakterizigos en eminenta maniero la estontan agadon. Ĉar oni scias: Pio XIa estas la pripense, sed certe antaŭenpaŝanta scienculo, kiu ne konstruas sur trompiga fundamento de hipoteso, sed unue serĉas solidan fondon.

Post tridekjara modesta kaj soleca agado kiel scienculo, li subite estis vokata al plej respondplena diplomata posteno. Li tramigradas la vastan teritorion de la nordorienta Eŭropo, ruinigita per la multjara milito kaj ĝis hodiaŭ parte objekto de politikaj disputoj. De la limoj de Besarabio ĝis la marsino de Riga lin kondukis la Papa ordono kaj per la politikaj intertraktoj kun la hodiaŭaj regantoj de Moskovo pro la liberigo de l' ĉefepiskopo de Ropp kaj de episkopo Losinski de Minsk li ekkonis ankoraŭ la tiean politikan atmosferon. Sendube ĝuste en jenaj regionoj grandaj taskoj estas plenumotaj por l' Eklezio. Kaj mi ne hezitas, en tio vidi la agadon de la Dia Providenco, ke ĝi ĝuste ĉi tiun indan viron kondukis al plej alta rango, kies estas absolute necesa kondiĉo por sukcesplena estonto de l' eklezio, ke oni kiel eble plej perfekte la katolikan ideon disiĝu de la nationalismo, sed kie kaŭze de enradikita historia evoluo en la propraj vicoj ekzistas la plej grandaj malfacilaĵoj...

Sed du linioj jam nun klare diferenciĝas: Pio XIa estas decidata konduki la ŝipon de l' eklezio en sama direkto, kiel sia antaŭulo. Li penas daŭrigi la repacigan agadon de la popoloj, restarigi la konkordon inter la diŝiritaj homoj kaj nacioj. Plue rilate de la Itala registaro li ripetas akcenti, ke Italujo al la Papeco kaj al Papo ŝuldas specialan ŝatatecon. Ĉar kaŭze de l' anstataŭanto de Kristo la okuloj de la tuta katolika terrondo sin turnas Romon kaj la terrondo pro tio konsideras la eternan urbon kiel komunan hejmon.

„Sede vakante nihil innovetur“, diras ĉiam rekonita regulo de l' eklezio. Pro tio la morto de Papo kaŭziĝas certan paŭzadon, kiu sin montras en malplimultigita agado de la diplomataj organoj. Pro tio sekvu nur kelkaj sciindaĵoj:

P. Zecckini, S. J., apostola visitatoro de Litovujo alveninta en Kaunas ekkomencis sian agadon.

La registaro de Latvio aprobis la konkordaton kun la Apostola Seĝo.

La programo por la eŭharistia kongreso sensanĝite estas akceptita por la nova Papo. La nombro de la partoprenantoj estas grandega; la komitato havas grandan zorgan por ilin loĝigi.

La granda internacia misia kongreso en Romo, kiu estos granda festo okaze de la tricentjara jubileo de la propaganda kongregacio estos arranĝata de 1a ĝis 3a de junio.

La centraj oficejoj de internacia misia unuiĝo, kiuj ĝis nun troviĝis en Paris kaj Lyon estas translokigitaj Romon kaj subordigitaj al la propaganda kongregacio. V. L.

# L' „Osservatore Romano“ kaj la kongreso de Luxembourg.

L' „Osservatore Romano“, la duonoficiala organo de l' Vatikano publikigas en sia numero de 9a aprilo kiel ĉefartikolon detalan raporton pri la kongreso en Luxembourg titolitan „Pel congresso Internazionale Cattolico nel Luxemburgo“. „Osservatore Romano“ i. a. skribas:

„Kun afabla permeso de Lia Episkopa Moŝto Msgro. Nommesch okazos en Luxembourg dum la unuaj tagoj de aŭgusto la Internacia kongreso de la katolika agado. Ĝia ĉefa celo estas ebligi la fratan kunlaboradon de la katolikoj diverslandaj kaj studi ĝenerale la demandon de la internacia katolika kunagado. Sendube la situacio de l' urbo de Luxembourg estas plej konvena por ĉi tiu intenco kaj la intereso, kiun montras la cirkloj katolikaj por la kongreso lasas esperi sufiĉe bonan resultaton kun la helpo de Dio.“

L' „Osservatore Romano“ daŭrigante raportas pri la konferencoj aranĝotaj kaj klarigas en la dua parto de sia artikolo la progreson kaj la ĝisnunajn sukcesojn de Ika. Pri tio ni raportos pli detale en la sekvonta numero.

Ni kore ĝojas pri ĉi tiu grava fakto. Ĉar sendube oni povas vidi de tio, ke oni en Romo, kiel ĉian paceman agadon, enkuraĝigas nian laboron por la internacia katolika kunlaborado. K. M.

# Stranga nova internacio.

Germanaj kaj svisaj gazetoj raportas pri nova internacio, kiu certe estas interesa ankaŭ por la katolikaro tutmonda: la internacio de la alkohola industrio kontraŭ la porsobrieca movado.

Oni scias, ke lastjare Usono per leĝo de la konstitucio malpermesis la produktadon kaj vendadon de l' alkoholaĵoj. La kuraĝa entrepreno de Usono multe influis jam ankaŭ la kontinenton, tiel ke nun la diskutado de la alkohola problemo tre progresis en ĉiuj eŭropaj landoj, precipe ankaŭ en la malaltvalutaj, kies popola ekonomio unuarange devus esti plibonigita per la malpermeso de l' importo kaj de la produktado de alkoholaĵoj.

La alkohola industrio nun timante la progreson de l' ideoj de Usono en Eŭropo, fondis internacian ligon kontraŭ la ŝtata malpermeso de alkoholaĵoj („prohibicio“), pri kies fondo oni nun sciiĝas interesegajn detalojn.

La 14. de oktobro 1921 la reprezentantoj de la bierfara industrio kunvenis en München, la famkonata ĉefurbo de la bierfarado. Dro Kury el Basel (Svisujo) montris la neceseon de internacia kunigo de ĉiuj kontraŭuloj de la kontraŭalkohola movado; ruzmaniere li akcentis, ke oni ne malkaŝu la veran celon de la koncernaj klopodoj, la nepran atakon de l' abstinenca movado, sed ke oni nur parolu pri la „trograndigoj“ de la movado kaj akcentu la „moderecon“. Li rakontis, ke en la statutoj de la fondita ligo oni garantiis fakte la plimulton al la reprezen-

tantoj de la alkohola industrio, sed ŝajnigu eksteren, ke la (pertrompe gajnitaj) izoluloj regu la ligon. D^ro Neumann el Berno, ĉefsekretario de la svisuja ligo kontraŭprohibicia precipe postulis gajni la gazetaron por la ideo. Laŭsisteme oni devu klopodi, ke artikoloj estu publikigataj, per kiuj kuracistoj, juristoj, ekonomiuloj ktp. en ŝajne scienca maniero propagandadu por la alkoholo. La koncernaj artikoloj laŭ D^ro N. devas esti skribataj tiel singardeme, ke eĉ ne la interesitaj rondoj ekkonu, ke la artikoloj estis skribataj interese de la alkohola kapitalo. N. rekomendas la eldonon de popularaj kaj sciencaj revuoj kun la devizo de la modereco, ĉar en modereca popolo la konsumo de biero estos espereble pli granda ol ĝis nun; tre grave laŭ D^ro N. estos la starigo de sciencaj institucioj subvenciitaj de la alkohola kapitalo por influi la statistikon de la scienco, kiu ĝis nun estis la plej danĝera armilo en la manoj de l' abstinenculoj. Se oni sukcesos gajni ankaŭ la lernejajn oficistarojn por la ideo de modereco anstataŭ abstinenco, se oni ricevos per ruze entreprenitaj ronddemandoj rekomendojn de l' alkoholo flanke de influhavaj kaj famkonataj sportistoj, artistoj ktp. kaj estos stariginta ŝajne sendependajn kaj neŭtralajn societojn por la sama ideo, oni povos esperi forigi la minacantan danĝeron de la ŝtata malpermeso de l' alkoholo en Eŭropo.

Estas certe grava, ke la katolikoj ĉiulandaj singardu, por ke ili ne estu kaptitaj de la ruzaj klopodoj de l' alkoholuloj. L' alkoholo estas kaj restas malamiko ne nur de korpa saneco kaj de l' inteligenco, sed precipe ankaŭ de la moralo kaj religio, de la regno de Dio.

D^ro M.

## El ĉiuj landoj.

**Jugoslavujo.** Romkatolikoj 5,832.000 = 45·2%, Ortodoksanoj 5,728.000 = 44·2%, Mohmmedanoj 85.100 = 6·6%, Judoj 9000 = 0·7%, aliaj (senkrede) 40.000 = 3·4%.

**Latvujo.** Laŭ oficiala statistiko la lando laŭ religio dividiĝas: Luteranoj 60%, Romkatolikoj 20%, Ortodoksanoj 10%. 196 luteranaj parohoj, 265 preĝejoj, 128 ortodoksaj parohoj; 162 preĝejoj; 67 pastroj, 100 romkatolikaj parohoj.

**Australio.** La katolikoj nombras hodiaŭ pli ol 1,200.000, gvidataj de 9 ĉefepiskopoj kaj 19 episkopoj. Ili posedas 2200 preĝejojn kaj 1600 pastrojn (parohaj pastroj kaj monahoj). 16.000 katolikaj lernejoj prizorgas la katolikan edukadon. Admirindega sukceso, se oni pripensas, ke antaŭ 100 jaroj la eklezio estis persekutita. Tiam ekzistis neniu katolika preĝejo kaj nur unu pastro troviĝis en la teritorio. Hodiaŭ l' eklezio estas libera kaj ekfloras belege.

**Danujo.** Laŭ la lasta religia statisko de 1920 la nombro de la katolikoj estas 20.150; dum ĉi tiu jaro 1516 infanoj estas baptitaj. La teritorio estas subordonata al la misia teritorio de la „Propagando" en Romo. La nombro de la katolikoj iom pligrandiĝis.

**Hispanujo.** La movado por subteni la eksterlandan mision belege ekfloras. En Burgos okazis ĵus tutlanda misia kongreso. Oni decidis la interpastran misian unuiĝon enkonduki en ĉiuj eparhioj de la ŝtato. Plej grava estas unuanima decido starigi grandan centran misio-seminarion por la tuta lando, pligrandigante la ĝisnunan seminarion de Burgos.

**Anglujo.** La „misia" movado en Anglujo mirinde progresas. Precipe en la meza parto de la lando la nombro de la konvertintaj pligrandiĝas. Dum la lasta jaro oni fiksis jenajn oficialajn ĉifrojn de konvertoj; Liverpool 726, Hexham 455, Westminster 419, Salford 360, Portsmouth 258 ktp. Plej vigla estas la reunuiĝa movado en la 5 eparhioj de la provinco Liverpool. Oni povas esperi, ke ĉi tiu provinco baldaŭ rekatolikiĝos.

**Usono.** Letera religia instruado. En la eparhio de Helena oni enkondukis novan metodon por religie instrui l' infanojn en la tiea misia teritorio. Oni dissendas al infanoj instruotaj po unu lecionon kun detala klarigo aldonante bildon kaj konvenan rakonton biblian. L' infano tralegинte la lecionon devas resendi al pastro la plenumitan demando-folion por montri, ĉu ĝi komprenis la enhavon. La pastro prezentas la diligente kunmetitajn respondojn al l' episkopejo, kiu fine decidas pri indeco. Ĉi tiu metodo, aprobita de l' episkopo, precipe taŭgas por prepari l' infanojn al unua konfeso aŭ komunio. Oni povas kompreni ĉi tiun metodon, se oni konsideras la amplekson de l' eparhio de 52.000 kvadrat-kilometroj. Ĉi tiu teritorio enŝlosas 64.000 katolikojn, do sur unu kvadrat-kilometro proksimume unu katoliko!

## Moka-poŝto.

S^ro B., Italujo. Vi estas prava, la agadmaniero de D^ro H. kaj lia konata ĉiama atakemeco estas ne nur malkristana, sed antaŭ ĉio malinda al katolika pastro. Li do pripensu, ke ni ĉiuj nur laboras por nia sankta afero, havante nenian profiton monan aŭ alian. Ni oferas nian tutan tempon kaj por la internacia katolika laboro! Nenia granda entrepreno en la mondo estiĝis sen malfacilaĵoj. Bedaŭrinde nur, ke tiaj estas farataj de samkredanoj! Cetere D^ro H. estas ne pliboniginda. La ĉefepiskopa ordinariato de Bamberg skribis al mi ke denove D^ro H. estas serioze admonata, estonte preterlasi ĉian personan atakon. Por lia letero persone skribita al mi, li ricevis malaprobon de sia ordinariato!

Al pluraj. Ni jam donos konforman deklaracion. Pro la mallonga tempo ne plu estis ebla, publikigi ĝin jam en tiu numero. Mi devas ankoraŭ intertraktadi kun la tutestaro. H. S.

## Anoncetoj.

La kostoj por unufoja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

Ĉiuj samreligianoj, kiuj sendos ĉ. 30—50 poŝtmarkojn maloftajn de sia lando, certe ricevos same tiom da belaj hungaraj poŝtmarkoj. Popp Zoltan, Miskolcz, Szentpéteri kapu 29/a, Hungario.

S^ro W. Mudrak, Wien, XV., Gebr. Lang-Gasse 7 (Aŭstrujo), deziras korespondadi kun samideanoj el la tuta mondo pri mondpaco (germane, ĉehe kaj esperante). Mi respondas certe.

S^ro Anatolio Volohov en Tambov, Kambarovskaja 48 (Rusujo), deziras korespondadi kun gesamideanoj el ĉiuj landoj pri diversaj temoj.

S^ro Heinrich Rhein, Mainz (Germanujo), Hopfengarten 4, interŝanĝas poŝtmarkojn kun samideanoj el ĉiuj eŭropaj landoj. Valoro laŭ Senf aŭ Michel.

S^ro Herm. Andris, komercisto, Oberried, Breisgaŭ (Germanujo), interŝanĝas poŝtmarkojn, bildkartojn kaj deziras korespondadi (Esperante, germane, itale, france, angle) pri ĉiaj demandoj.

## ? Kioma estas la abonprezo por K. M. ?

K. M. aperas en kolektoj po 10 numeroj. Jen la prezo por kolekto de 10 numeroj, kies livero estas garantiita de la eldonejo: Anglujo, Hispanujo, Svisujo kaj samvalutaj ŝtatoj 4 ŝl., pes., fr. ktp., Nederlando kaj Brazilo 2 fl., 2 mrs., Usono 1 dol., Belgujo, Francujo kaj samvalutaj ŝtatoj 5 fr., Italujo, Jugoslavujo 6 l., d., Germanujo kaj Baltiko 15 g. mk. Litovujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Bulgarujo 10 kr. ĉ., lev. ktp. Hungarujo 100 hung. kr., Aŭstrujo 400 aŭstr. kr., Polujo 200 pol. mk. ktp.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Verlag Volksheil Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon por iu ajn numero.

**NB. Oni ne pagu per poŝtavizoj!**

**Prezo por Anoncoj.**

La prezo por anoncoj egalas po kvadratcentimetro la prezon de unu numero de K. M. en la nacia valuto de l' anoncanto. Por pli ofte presigotaj anoncoj rabato ĝis 20%; plue por abonantoj de K. M. speciala rabato de 10%.



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.



